Esperanto Hamburg

Hamburga Esperanto-Societo r.a.
Esperanto-Verein Hamburg e.V.

Novembro/Decembro (5) 2010/Januaro 2011

# Nova krozada centro

Foto: Moka Studio

**ESPERANTO HAMBURG** ehh

**Eldonanto:** Hamburga Esperanto-Societo r. a.
www.esperanto-hamburg.de

Poŝta adreso:
Klaus-Groth-Str.95
20535 Hamburg
Tel: 0160 / 17 33 980

Konto: GLS-Bank
n-ro: 200 67 16 500
BLZ 430 609 67

**Prezidantino:**
*Kerstin Baasch*
Scharpenmoor 74 e
22848 Norderstedt
baasch@esperanto-hamburg.de

**Redaktoro:**
*Benno Klehr*
Winterhuder Weg 32
22085 Hamburg
Tel: (040) 431 883 47
klehr@esperanto-hamburg.de

## Karaj legantoj,

nun finiĝis la somero; tion ni ne nur konstatas pro la malpli varmaj temperaturoj kaj malbona vetero sed ni jam vidas vintrajn dekoraciojn en la vendejoj kaj la unuaj ĉokoladaj Nikolaoj aperas. Ankaŭ Hamburga Esperanto-Societo jam nun invitas al Zamenhoffesto en Decembro. (bv. rigardi en la programo)
En Septembro la klubo organizis ekskurson al Ratzeburg, kiu devis okazi sen mi, ĉar mi samtempe troviĝis en saniga staĝo en Harcmontaro. Pri Ratzeburg vi povas legi en tiu ĉi numero de *Esperanto Hamburg*.
Mi havis la eblecon studi la *Akvosistemon de supra Harcmontaro,* pri kiu mi prelegos en Novembro. Temas pri tute nove proklamita (ekde Aŭgusto) *Monda Kultura Heredaĵo de Unesko.*
Por la nova jaro ni nun preparas programon por nova *Hamburga Somero* antaŭ la UK en Kopenhago. Tiu plej-parte turisma evento tamen ankaŭ prezentos alogajn temojn por homoj kiuj ne vojaĝos al UK, sed simple volas ĝui agrablajn tagon en bela urbo.
Ni kore invitas vin, ĝui nian urbon, kiu laŭ multaj Hamburganoj estas la plej bela urbo de la mondo.

*Benno Klehr*

La kunvenoj de

**Hamburga Esperanto-Societo**

okazas en la

*Kultur-Butiko*

Kultur Laden St. Georg e.V.

**Alexanderstr. 16**
**20099 Hamburg**

## Sentenco

*Oni ne povas aldoni pli da tagoj al sia vivo – sed pli da vivo al siaj tagoj.*

**Redaktofino** de n-ro 1/2011: 15-01-11

**Redaktofino** de n-ro 2/2011: 15-03-11

**Redaktofino** de n-ro 3/2011: 15-05-11




**Hamburg, 11a de Oktobro 2010.**
**La senatoro por ekonomio, *Ian Karan*, gratulis al la *entrepreno por evoluo de la fiŝkapta haveno* kaj al la metiistoj pro la sukcesa ĝistegmenta konstruado de la nova krozŝipa centro en Hamburg-Altona.**
En tiu ĉi jaro oni atendas pli ol 100 flosantajn hotelojn kun 250 000 pasaĝeroj en Hamburg. Ek de la venonta printempo oni atendas pli ol 300 000 gastojn jare. Por tiom multaj ŝipoj ne sufiĉas la krozada centro en la havena urbo.
En Altona jam ekzistas ŝipalvenejo, iam konstruita por pramŝipoj, kiuj ne plu cirkulas inter Hamburg kaj Harwich. Apude nun estas konstruata la nova krozada centro laŭ planoj de la arkitektoj Renner, Hainke kaj Wirth el Hamburg, kiuj gajnis konkurson pri la projekto.
La nova konstruaĵo havas dinamikan formon kaj ne nur servas al la pasaĝeroj, sed sur la tegmento en alteco de ok metroj disponas pri teraso kie 1500 homoj povas bonvenigi kaj adiaŭi la vojaĝantojn.
La urba parlamento diponigis 30 milionojn da eŭroj por tiu projekto; ĝis nun ŝajnas ke sufiĉas la sumo.

## Pirata proceso en Hamburg

**Post preskaŭ 400 jaroj nun de nove okazos proceso pro piratado en Hamburg.**
Hamburga prokuroro nun akuzas dek Somalianojn pri piratado kontraŭ la germana kontenera ŝipo *Taipan* en Aprilo. Laŭ la akuzo oni suspektas ilin pri atako kontraŭ mara trafiko kaj ĉantaĝa ostaĝigo de homoj.

Laŭ la germana leĝo tiu krimo estas puninda per kvin jaroj en malliberejo. La proceso laŭ la planoj ankoraŭ komenciĝu en tiu ĉi jaro. La ŝipo apartenas al la hamburga entrepreno Komrowski. Pro tio la proceso okazos en la distrikta tribunalo de Hamburg.

Estas konate ke en Hamburg troviĝas la *Internacia Tribunalo por Mara Juro.* Kial tiu proceso ne okazas en ĝi, sed en la „normala“ juĝejo?

La Internacia Tribunalo por Mara Juro okupiĝas pri la mara juro laŭ la kontraktoj de Unuiĝintaj Nacioj. Ĝiaj procesoj plej ofte okupiĝas pri disputoj inter diversaj ŝtatoj.

En tiu kazo estas kompetenta la krimjura tribunalo, ĉar sur germanaj ŝipoj validas germanaj leĝoj, sendepende de la loko kie situas la ŝipoj. La loko de la juĝejo estas en la sidejo de la posedanto de la ŝipo, do Hamburg.

## Europaverständigung vor dem Aus?

*Gerhard Hein*, Initiator und Leiter der *Stiftung Europaverständigung,* muss aus Alters- und Gesundheitsgründen seine Arbeit für Europa und Esperanto einstellen.

Seit zwanzig Jahren arbeitet die *Stiftung Europaverständigung* für eine fortschrittliche und bürgerfreundliche Verständigungs- und Sozialinfrastruktur im „Europäischen Haus“.
Der Esperanto-Verein Hamburg verdankt seine langjährigen guten Beziehungen zu den Behörden größtenteils Gerhard Heins unermüdlicher Arbeit.

Wer kann die langjährige Arbeit von Gerhard Hein fortführen? Besondere Esperanto-Sprachkenntnisse sind dafür keine Voraussetzung, aber ein besonderes Interesse an der europäischen Einigung und ein diesbezügliches politisches Bewusstsein.

Interessenten wenden sich bitte an:

Gerhard Hein, Scheideholzweg 65a,
21149 Hamburg, 040/70121769,
E-Mail: gerhardhk.hein@t-online.de
www.stiftung-europaverstaendigung.de

**Sabato, la 18a de Decembro 2010**

## Zamenhoffesto

**Ni kune festas ek de la 18.00 horo en la Kulturbutiko.**

**La estro de la restoracio, Oskar Höflich, prizorgos la preparadon de nia manĝaĵo.**

**La kostoj por la manĝaĵo estas 12 Eŭroj.**

**Bonvolu anonci vian partoprenon ĉe Ralph Glomp**




Nova Esperanto-kurso por komencantoj kadre de kulturkursprogramo ĉe la universitato de Hamburg gvidota de Frank Merla ek de Novembro 2010.

# Jahreshauptversammlung/Jarĉefkunveno

## Einladung / Invito

Hiermit werden alle Mitglieder des Esperanto-Vereins Hamburg e.V. eingeladen zur Jahreshauptversammlung am Freitag, dem 18. Februar 2011 um 19.30 Uhr im Kulturladen St. Georg, Großer Saal, Alexanderstr. 16, 20099 Hamburg.

Folgende Tagesordnungspunkte sind laut Satzung vorgesehen:

Erstattung des Jahresberichts
und des Kassenberichts
Bericht der Kassenprüfer
Diskussion
Bericht des Beirats
Entlastung des Vorstandes
Budget, Beiträge und Pläne
Diskussion und Entscheidung über Vorschläge
Verschiedenes

Im Namen des Vorstands.
Ralph Glomp, 2. Vorsitzender

## Ursula Niesert prelegis en Hamburg

De la 14a gis 16a de Oktobro 2010 nia kluba programo prezentis plurajn ofertojn pri la temo *Vikipedio.*


**Ursula Niesert**

Ĵaŭdon, kiam kutime okazas niaj esperantlingvaj klubvesperaj prelegoj, okazis germanlingva prelego por la ĝenerala publiko de la kulturdomo, kie ni kunvenas, kun la titolo: „Wikipedia: mehr als nur ein Lexikon“.
Vendredon niaj membroj aŭskultis prelegon en Esperanto, kiu pli profunde okupiĝis pri la temo Vikipedio. *Ursula Niesert* montris, kiel oni povas uzi Vikipedion kaj kiel ni mem povas kontribui al la pliampleksigo de tiu libera internacia enciklopedio, kaj en la Germana kaj en Esperanto.
Sabaton *Ursula Niesert* gvidis laborgrupon por krei novan artikolon por la esperanta vikipedio. Ni komune pripensis kiu temo estu prilaborata de ni: Jam ekzistas artikoloj pri *Hamburg* kaj pri *Hamburga Esperanto-Societo*, kiujn ni povus plibonigi aŭ almenaŭ aldoni iom pli precizajn detalojn. Fine ni decidis redakti artikolon pri la *Kulturbutiko* (nia kunvenejo) en Esperanto, kiu eĉ ne ekzistas en la Germana.
Unue ni lernis, kiel funkcias redaktado en Vikipedio: Ni kreis kontojn por ni kaj elektis nomojn por ricevi proprajn paĝojn por prilabori tekstojn. Ni serĉis informojn pri nia temo el interreto kaj aldonis el propraj scioj. Fine ni faris foton de la domo por aldoni al la artikolo. Post kvar horoj la artikolo estis preta kaj ni jam estis metintaj ĝin en Vikipedion. Je la fino de la laborado ni ĉiuj estis tre kontentaj pri tio kion ni komune sukcesis, kaj dankis al Ursula pro tiu eksterordinara evento, kiun ni vere rekomendas al aliaj Esperantistoj.

*Benno Klehr*

## Hamburg-Enigmo




En Hamburg ekzistas multaj stratoj kiuj iel nomiĝas *Landstraße;* kiel *Alte Landstraße, Horner Landstraße* ktp. Tamen ne ekzistas multaj metro-stacioj kun nomoj *Landstraße*. Kiun metrostacion montras la foto?

## Ekskurso al Ratzeburg


**Hamburganoj en Ratzeburg**

Bela estas la ideo unufoje dum jaro klube-komune ekskursi al interesa loko, por ke la membroj distre pli bone ekkonu unu la alian, por ke ĉiuj partoprenantoj dum multaj horoj parolu Esperanton.

Tial dimanĉon, la 19-an de Septembro ĉi-jare, kolektiĝis en la ĉefa stacidomo 7 personoj, kiuj bonhumore ĉe taŭga ekskursa vetero vojaĝis unu horon trajne al Ratzeburg, kie vivas ĉirkaŭ 13.600 enloĝantoj.
La urbeto, kies centro troviĝas sur insulo ĉirkaŭita de 4 lagoj, brilas pro sia natura beleco – arbaroj kaj akvo. Pro tio ĝi estas ŝatata aerkuracloko kun variaj eblecoj por migrado, promenado, ŝipveturado ktp. Ĝi famas pro ĝia romanika ruĝa brika katedralo. Kaj ĝi havas videblajn ligojn kun la skulptisto Ernst Barlach kaj kun la satira grafikisto kaj litografo A. Paul Weber.

Dank`al la ampleksa preparo de la ekskursa programo la partoprenantoj povis ĝui preskaŭ ĉiujn supre menciitajn vidindaĵojn. Ili migris iomete, penetris la imponan katedralon, fariĝis meditemaj pro la verkoj en la muzeo de A.Paul Weber.
La scivolemaj ekskursantoj eĉ plilongigis la restadon en Ratzeburg kaj reveturis nur vespere per aŭtobuso al Hamburgo. Ĉiuj estis pretaj, travivi en la kluba komuneco ion novan, ion interesan kaj ankaŭ malmultekostan (la kluba kaso financis parton!)aventuron. Espereble venontjare la klubo daŭrigos la ekskursan tradicion, tiam kun multe pli da membroj, kiuj uzos Esperanton en alia situacio ol nur dum kunvenoj.

Grava aldono: La tuton bonege organizis kaj preparis la triopo Jürgen, Ralph kaj Benno, al kiuj dankas en la nomo de la partoprenintoj

*Jutta kaj Erika.*


**Hannelore en A.-Paul-Weber-Muzeo**

# Solvo de Hamburg-Enigmo




Sur la foto oni vidas ke ne temas pri ŝoseo (Landstraße) sed estas strato kiu portas la nomon de germana poeto Ludwig Uhland.
Fakte estas strange, ke en Hamburg ne ekzistas metro-stacio kiu vere portas la nomon de iu el la multaj stratoj kun la nomo *Landstraße.* Alia stacio kun la vorto *Landstraße* en la nomo, estas *Saarlandstraße.* ankaŭ tiu nomo ne rilatas al ŝoseo sed hazarde renkontiĝas vortoj: Saarland-Straße.

# Ekskurso al Ratzeburg
## en dimanĉo, 19.9.2010

La vetero estis mezbona, precipe seka kun temperaturo akceptebla. Ni estis nur sep partoprenantoj: Ralph, Jürgen, Erika, Hannelore, Pia, Jutta kaj Marianne. Kelkaj mankis. Sed entute ĝi estis entrepreno sukcesa.
Post ĝustatempa kunveno en stacidoma halo ni veturis per eksprestrajno al Ratzeburgo, ĉisekve per buso al ratzeburga foiro de kie ni iris tra parko al kajo enŝipiĝeja. Post surlaga ŝcipvojaĝo de unu horo kaj duono – dum kiu ni manĝis kaj trinkis etajn kvantojn (ekz. pizosupon, kolbasetojn kaj kafon kun kuko, akvon, sukon aŭ bieron) ni vizitis la malfrue romanikan katedralon; poste ni iris al muzeo de A. Paul Weber, en kiu ni admiris liajn imponajn desegnaĵojn (litografiojn), pentraĵojn kritikajn aŭ satirikajn.

La revojaĝo nin gvidis laŭ pitoreskaj stratoj historiaj al bushaltejo. Ni veturis al Hamburg-Wandsbek en unu horo, kie ni disiĝis. Ni ĉiuj dankas al niaj spertaj gvidantoj Ralph kaj Jürgen.

Pasinte la urbon Mölln, ŝajnas al mi, ke tiu loko mirige bela estus tre taŭga por estonta ekskurso.

*E. Marianne Borchert*

# Granda fajro en Bona Espero

**Ampleksa incendio detruis grandan parton de la teritorio de Bona Espero, esperantista orfejo en Brazilo. La granda grundofajro trafis la regionon en la tria semajno de septembro, sed ne atingis la ĉefajn konstruaĵojn de Bona Espero.**

Ursula Grattapaglia en intervjuo de Libera Folio: La fajro komenciĝis sabaton, la 18-an de septembro, posttagmeze, alvenanta el distanco de ĉirkaŭ 15 km el la nordo. Ni jam estis preparintaj defendan zonon per nia traktoro ĉirkaŭ la plantaĵoj kaj domoj. La fronto estis kilometrojn larĝa kaj la funkciuloj de la Nacia Parko klopodegis jam la tutan posttagmezon haltigi la fajron je dek km de ni. Ni fidis, sed restis vekaj dum la nokto. La fajro alproksimiĝis senhalte kaj je la 2-a horo frumatene atingis nian teritorion.
Kion la flamoj detruis? Estas ekologia katastrofo sur areo de kelkmiloj da hektaroj, 90% de nia grundo, 100% de ĉiuj de niaj najbaroj, pluraj domoj forbrulis, 50% de la parko, kiun lundon, la 20-an de septembro komencis savi tuta grupo de fajrobrigadistoj, kiuj venis el la ĉefurbo Brasilia (je 250 km) dum pluraj tagoj.

La prezidanto de UEA, Probal Dasgupta, en mesaĝo sendita al la retpoŝta listo de UEA-membroj alvokis ĉiujn laŭeble doni financan subtenon al *Bona Espero*, por ripari la damaĝojn.



Donacojn vi povas sendi al:

**Universala Esperanto-Asocio Rotterdam**
**Konto n-ro 3182 91 509**
**ĉe Postbank Köln, BLZ 370 100 50**
**kun indiko „por Bona Espero“**

# Nia Programo

Ĵaŭdaj klubvesperoj: 19.00 h • programo 19.30 h en Kulturladen St.Georg, Alexanderstr. 16, 20099 Hamburg

## Novembro

**4** *Gerald Roemer:*
**Ĉu riĉuloj vivas ekologie?**

**11** *Jutta Sültz:* **Mnemonika tekniko**
Kiel plibonigi sian memorkapablon

**18** Diskutrondo: **Gejunuloj – Ĉu ankaŭ troveblaj en Hamburgo?**
Ekde multaj jaroj Esperanto-junularo preskaŭ ne plu ekzistas en Hamburg. Do, kiamaniere devas esti alloga programo por gejunuloj? Demandu viajn amikojn, gefilojn aŭ genepojn kaj kundiskutu.

**24** **Estrarkunsido**
(publika)

**25** *Benno Klehr:*
**Monda Kultura Heredaĵo:**
**La akvosistemo**
**de supra Harcmontaro**

## Decembro

**2** **Kopenhago - la urbo de la venontjara UK sin prezentas**

**9** **Vendado de libroj,**
**Esperantaĵoj kaj kristnaskaĵoj**
Ĉu vi jam havas la taŭgan donacon por via familio kaj viaj amikoj? Peggy Ley prezentos siajn varojn kaj vi ankaŭ povas aĉeti novajn kaj malnovajn librojn de diversaj temoj el nia biblioteko. Ĉu vi bezonas vian propran **PIV**on? Ĝi ankaŭ haveblas je favora prezo.

**16** **Winnie la Pu** de A. A. Milne, tradukita de Ivy Kellerman Reed kaj Ralph A. Lewin, rakontita de *Christoph Frank* (34 min.)

**18** (Sabato) **18:00 h**
**Zamenhoffesto**
**Gastoj ĉiam estas bonvenaj!**
**Bonvolu anonci vian partoprenon.**

**Post la Zamenhoffesto ĝis jarfino ne okazas klubvesperoj.**

## Januaro

**6** Esperanto –
pasporto al la tuta mondo
Nova leciono de la interesa DVD-lernkurso.

**13** *Gerald Roemer:*
**Tra la Ruhr-regiono**

**20** *Rudi Haberland:* **La tempo inter 1940 kaj 1945** - Memoroj

**26** **Estrarkunsido**
(publika)

**27** **Filmo:**
**„Die Sprachen der Schweiz“**
60 min

## Februaro

**3** Paroliga Rondo:
**Kion ni povas fari por bremsi la klimatan ŝanĝon?**